REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

FONDITA en 1908 - TRIA SERI

30-a Jaro Nº 206 MARTO 196

FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.



## BAUGE, NIA NUNJARA KONGRESURBO

### IOM DA HISTORIO

BAUGE (prononcu boĵe), konstruita ĉe dekstra bordo de rivereto, kiu malrapi de serpentumas inter montetoj, elvokas, kiel ĉie en Anjou (prononcu anĵu) la famkonatan mildan anĵuan dolĉon laŭdita de la franca renesanca poeto DU BELLAY je la 15-a jarcento, kaj antaŭe de CEZARO.

Siaflanke, la urba blazono, kiu montras apron elirante aprejon malan taŭ bosketo, memorigas por francoj, la devenon de la urb-nomo: franclingve, "bauge" estas nesto, dormejo de aproj. Fakte la ĉirkaŭanta regiono de Baugé estas - kaj precipe estis!- regiono de vastaj arbaroj, ĉasejoj, aprejoj.

Se, en la arĥivoj de la 999-a, ni renkontas la nomon de Baugé, temas verdire pri iama urbeto, nun nomita "Vieil Baugé" (Malnova Baugé) ankoraŭ vivanta kaj interesa franca vilaĝo.

Estis dum la 1015-a, kiam FULK la nigra, anĵua, agema princo, ĉiam batalanta por pligrandigi kaj konservi sian provincon, decidis konstruadon de fortikaĵo, 4 kilometrojn malproksimen, sur la loko prezentante strategian pozicion (la nuna granda Placo de Baugé) super rivereto "Couasnon" kaj enfluejo de "Altrée", ĉe vojkruco de "Touraine" al "Maine".

Sekve de tradicia, homa fenomeno, iom post iom, multaj personoj altiritaj de tia protektejo kaj ekvidintaj fonton da profitoj en najbareco de nobeloj, forlasis la malnovan Baugé por alproksimiĝi al princa kastelo, kaj formi novan Baugé.

Tamen, pli poste, la fortikaĵo ne povis rezisti al longa milito - la tiel nomita Centjara-Milito, - kaj restis nur ruinoj kiam la reĝo Renato, Duko de Anjou, samtempulo de Jo-

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Pierre PETIT** UEF 34 rue de Chabrol - PARIS ( 10 ème ) Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : être toujours dactylographiés sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS :** Le détail en a paru dans le précédent numéro.

(sekvo de la unua paĝo)

honino d'Arko, decidis en 1455 konstrui flanken, pli elegantan kaj plaĉeman kastelon.Malgraù multaj difektiĝoj tiu ĉi - la nuna urbdomo - konservas majestan aspekton sub rimarkinda ĉarpentaro. Interne, vidinde estas la ŝtuparo konsistante el unuŝtonaj ŝtupoj, kaj konstruita en tureto laù ĥelika formo, kun centra ŝtona trunko, kies supraĵo disvolviĝas en branĉoj de palmarbo.

Tra la urboj, multaj malnovaj burĝdomoj de la 15-a jarcento, inter kortoj kaj ĝardenoj, malantaù altaj pordegoj, atestas ke la civito estis ŝatita, ne nur de la duko, sed ankaù de la tuta kortego.

Ŝajnas ke poste, dum pluraj jarcentoj, la potenculoj prefere elektis restadejojn en Loire - Valo mem: kaj Baugé iĝis "dormanta belulino"

Denove, dank"al impulso de agema urbestraro... kaj de apudeco de la Esperantista Kulturdomo ĝi vekiĝas.

Bank'al multaj ĉeestoj de geesperantistoj dum la 54-a KONGRESO, dum Pasko 1962, ĝi aspektos kiel ĉefurbo ĉu ne?

S-ino CHEVERRY

## UNUA LISTO DE KONGRESANOJ

| | | | | S | K |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | R. | GONIN | Lyon | x | x |
| 2 | J. | GONIN | Lyon | x | x |
| 3 | H. | GONIN | Lyon | x | x |
| 4. | P. | CILIGA | Paris | x | x |
| 5 | J. | ROUSSEAU | Paris | x | x |
| 6 | P. | ROUSSEAU | Paris | x | x |
| 7 | S. | ROUSSEAU | Paris | x | x |
| 8 | J. | VINCENT | Les Andelys | x | x |
| 9 | M. | COURTINAT | Bellerive | x | x |
| 10 | L. | COURTINAT | Bellerive | x | x |
| 11 | | COURTINAT | Bellerive | x | x |
| 12 | M. | LOUYS | Pierrefontaine | | x |
| 13 | M. | HORNE | Auxerre | x | x |
| 14 | J. | MABESOONE | Amsterdam | x | x |
| 15 | F. | VEROT | St-Etienne | x | x |
| 16 | H. | PHILIPPE | Arras | x | x |
| 17 | M. | MAURIN | Cauderan | x | |
| 18 | E. | KOHLER | Besançon | x | x |
| 19 | R. | MARMOU | La Houssaye | x | x |
| 20 | C. | GARRIGUE | Marseille | x | x |
| 21 | F. | GARRIGUE | Marseille | x | x |
| 22 | S. | GARRIGUE | Marseille | x | x |
| 23 | E. | CHERIE | Bayeux | x | x |
| 24 | C. | SUCHAREAU | Paris | | x |
| 25 | J. | THIERRY | Paris | x | x |
| 26 | M. | VERY | Amiens | x | x |
| 27 | J. | GUILLAUME | Le Vésinet | x | x |
| 28 | J. | GUILLAUME | Le Vésinet | x | x |

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 29 | L. GUILLAUME | Le Vésinet | x | x |
| 30 | P. GUILLAUME | Le Vésinet | x | x |
| 31 | C. GUILLAUME | Le Vésinet | x | x |
| 32 | B. CLAVIER | Caluire | x | x |
| 33 | R. LLECH WALTER | Perpignan | x | x |
| 34 | M. PIPARD | St-Pierre des Corps | | x |
| 35 | G. GOUGET | Chartres | x | x |
| 36 | G. ROUGETET | St-Germain | x | x |
| 37 | M. ROUGETET | S- Germain | x | x |
| 38 | M. FERRUT | Montbozon | | x |
| 39 | E. FERRUT | Montbozon | | x |
| 40 | M. LANZ | Paris | x | x |
| 41 | F. LANZ | Paris | x | x |
| 42 | M. FENEYROL | Hyères | | x |
| 43 | S. BAUDRAND | Paris | x | x |
| 44 | A. JOLY | Besançon | | x |
| 45 | K. JEROME | Ferté Gauché | | x |
| 46 | M. JEROME | Ferté Gauché | | x |
| 47 | M. CURNIER | Bergerac | | x |
| 48 | M. CURNIER | Bergerac | | x |
| 49 | M. CURNIER | Bergerac | | x |
| 50 | J. VILLANOVA | Marseille | | x |
| 5I | M. CONTART | Fontes | | x |
| 52 | P. GOUDE | Angers | | x |
| 53 | J. CHAPELLIER | Nancy | | x |
| 54 | G. CHAPELLIER | Nancy | | x |
| 55 | M. CHAPELLIER | Nancy | | x |
| 56 | D. LUEZ | Laon | | x |
| 57 | P. CHATELUS | Lyon | | x |
| 58 | M. GUILLOT | Poitiers | x | |
| 59 | J. GUILLOT | Poitiers | x | |
| 60 | G. MAGINOT | St-Ouen | | x |
| 6I | M. JULLIEN | Aixèn Provence | | x |
| 62 | R. LEMAIRE | Lyon | x | x |
| 63 | R. CURNELLE | Lambersart | | x |
| 64 | M. VALLUET | Orléans | x | x |
| 65 | L. OVINGTON | Stanley | x | x |
| 66 | J. OVINGTON | Consett | x | x |
| 67 | J. TRESORIER | Besançon | | x |
| 68 | E. SCHERTZER | Lons-le S. | | x |
| 69 | M. OLIVIER | St-Mandé | x | x |
| 70 | C. PRAL | Lyon | x | x |
| 7I | M. CLAUDE | Saint-Malo | x | x |
| | Sumoj je la 3I.I.I962 | | 46 | 68 |

Noto: S = kultura semajno

K = nacia kongreso

## ROTARY - CLUB et ESPERANTO

Ayant été invité par le Rotary - Club d' Aire-sur-la-Lys (P. de C.) à faire un exposé sur la Langue auxiliaire ESPERANTO, j'ai assisté à une réunion qui débuta par une exposition comprenant des affiches de propagande, deux collections d'ouvrages l'une se rapportant à l'étude de la langue et à son histoire, l'autre à des romans, des traductions d'oeuvres célèbres, des prospectus touristiques de différents pays, des feuilles de réclames commerciales - des photographies de groupes espérantistes et de congrès universels, des exemplaires de différents journaux paraissant dans toutes les parties du monde, des collections de timbres-poste, etc....

Puis au cours d'une causerie, il fut d'abord démontré combien est nécessaire, dans le monde moderne, l' emploi d' une langue internationale auxiliaire. Cette langue existe et a fait ses preuves depuis bientôt 75 ans. Grâce à sa simplicité, sa neutralité, la facilité de son étude, l'ESPERANTO remplit toutes les conditions demandées pour servir d'intermédiaire entre tous les peuples parlant une langue différente.

Une petite démonstration ayant- pour but de faire parler les assistants en employant l'espéranto leur permit de se convaincre de la facilité avec laquelle on apprend cette langue.

Pour terminer, chacun des assistants reçut un exemplaire du tract de U.E.F. intitulé "Grammaire et Vocabulaire" et la brochure de l'Année Zamenhof".

Alfred CONTART
Directeur d' école honoraire

# VIVA DE LA GRUPAJ !

MONTPELLIER
===========

Ekspozicio pere de sonbendo kaj diapozitivoj:

Nia agema samideano Sro LENTAIGNE kreis bonegan ilon por nia propagando.

Oni scias ke por multaj esperantistaj grupoj estas malfacile organizi grandan ekspozicion; S-ro LENTAIGNE fotografis sian ekspozicion kaj pere de diapozitivoj, oni povas projekcii dum sonbendo donas klarigojn.

Tio okazas franclingve, sed en ĉiu lando oni povas agi same kaj havi tiamaniere bonegan materialon por la propagando, kaj ne peza. Sro René LLECH-WALTER, prezidanto de U. E. F. prezentos tiun ekspozicion dum la Kultura Semajno kiu okazos de la 16a ĝis la 23a de aprilo 1962 en la Kastelo Grésillon apud Baugé (Maine-et-Loire).

ROMANS
======

"Romans vokas vin!" estas la titolo de faldfolio, kiu donas la detalojn de la Internacia Feria Semajno kiu okazos tie de la 20-a ĝis la 27-a de julio 1962.

En la programo estas TRI ekskursoj al vidindaĵoj regionaj, TRI vizitoj, krome interkona vespero kaj akcepto de la Urbestro!

La prezo (160 NF) estas enkalkulita de Vendredo 20a tagmeze ĝis vendredo 27a posttagmeze; ĝi entenas la komunajn manĝojn kaj loĝadon la ekskursoj, la vizitojn, ktp...

Por pliaj informoj, skribu al la BONA STELO, 31 rue Pêcherie, ROMANS.

BOURBOURG
=========

S-ro Jack HAWKS, vic - prezidanto de la Klubo de PERTH (Okcidenta Aŭstralio) vizitis Nordan Francujon kaj estis akceptita de S-ro J. DENOYELLE U.E.A.-delegito.

Dum amika kunveno, S-ro HAWKS parolis pri Oceaniaj Insuloj, Portugalujo, Usono kaj Japanujo. Li konkludis dirante: "Se troviĝas ĉi tie vojaĝemuloj, ili same kiel mi, vizitu "la mondon, kaj ili vere tuŝos - per "la fingro - la praktikan utilecon "de la lingvo internacia, kiu supe "ras ĉiun alian rimedon por interfra "tigi la homojn".

A R R A S
=========

Sro Henri PHILIPPE, honora prezidanto de U.E.F. estis oficiale akceptita kiel membro de la Scienca, Arta kaj Beletra Akademio en ARRAS. La nova akademiano prelegis pri Esperanto dum la publika kunveno, kiu okazis la 14an de januaro, en la belega festsalono de la urbdomo.

C A E N
=======

Post mallonga propagando, ĉu en la loka ĵurnalaro, ĉu per afiŝetoj algluitaj ĉe la montrofenestroj de simpatiemaj komercistoj, kurso por komencantoj estis malfermita; depost la 9-a de oktobro 1961, ĝi okazas ĉiulunde en "Office Municipal de la Jeunesse"; samtage okazas kurso por progresantoj.

La grupo eksperementis ankaŭ rondiradon de libroj, kiu kontentige dis volviĝas.

La kunvenoj, kiuj okazas regule ĉiumonate la unuan dimanĉon, je la 10-a en O.M.J. estas daŭrigataj per amika tagmanĝo, provo plej ŝatata, precipe de niaj eksterurbaj gesamideanoj.

ELBEUF - CLEON
==============

La 3-a de decembro 1961 estis memorinda tago por la Esperantista-Grupo de "Régie Renault".
Tiu tage okazis la inaùguradon de la kunvenejo por "Kulturaj Agadoj" disponigita de la Establa Komitato. S-ro Direktoro de la uzino de CLEON (M.JARDON) ĉeestis tiun okazaĵon.

LE HAVRE
========

Okaze de la eldono de la poŝtmarko pri la ŝipego FRANCE, la grupo eldonis poŝtkarton kies bildo montras la ŝipegon. Tiu karto estis afrankita per la poŝtmarko kaj surhavas specialan stampon; krome oni povas legi: UNUA TAGO - Premier Jour - kaj kompreneble estas ankaù la verda stelo.
Petu tiun karton (aldonante 1,25) al Sinjoro M. HUET, 63 Boulevard François Ier - LE HAVRE (C.C.P.ROUEN 732.83).

PERPIGNAN
=========

La 17-an de decembro, la Esperantista Kultura Centro festis la 102an datervenon de la naskiĝo de D-ro ZAMENHOF.

Tio okazis kun la partopreno de S-ro RIBOT (Marmande) kaj S-ro LENTAIGNE (Montpellier).

Dum tiu kunveno, oni povis vidi la novajn afiŝojn de UNESKO, kies tekstoj estas en esperanto.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

MENDU VIAJN LIBROJN
-------------------

ĉe nia Libro-Servo

Petu nian katalogon

DENOVE MORTO FRAPIS EN NIA ANARO
===============================

Ni eksciis kun granda malĝojo ke la kvara de januaro 1962 forpasis, alia bona esperantisto kaj propagandisto, nia amiko S-RO DRONCHAT, kiu estis advokato ĉe la apelacia kortumo de Parizo.
Li samideaniĝis al ni jam de longege, ĉar dum la tujpostaj jaroj sekvintaj la unuan mondmiliton ni konis lian spritan kaj ĉiam humoran konvinkemon, kaj eĉ - kial ne? - lian kritikemon, lian sindonemon al nia afero. Li dum kelkaj jaroj prezidis la sekcion "Sud-Parizo" de la Pariza Grupo. Tiam ĉiusemajne la geanoj de tiu sekcio kunvenis en kunsidejo sur Avenuo Orléans.
La nun maljunaj samideanoj, kiuj partoprenis tiam tiujn kunsidojn, konservas memoron pri liaj gajaj kaj ĉiam raciaj intervenoj en la diskuto kaj la rakontoj kiuj estis la ordinaraj paroligaj metodoj uzataj por plilertigi la nove bakitajn esperantistojn.
Sed ĉar li ĉiam estis preta helpi al altenteno de nia verda flago kies angulon ornamas la esperiga verda stelo, li konsentis prezidi dum kelke da tempo la grupon mem de Parizo en Sorbono. Tien li alportis la metodan ordemon, la ĝisfundan, ĝisdetalan esploremon celantaj la netan kaj tutan veron kiuj estis liaj rimarkindaj kvalitoj en lia profesia vivo.
Kiam li devis rezigni la prezidantecon de la Pariza Grupo li iris alporti ŝatatan helpon al niaj samideanoj en Lille kie li emeritiĝis.
Pro tia konstanta sindonemo al nia afero, lia memoro estos dankeme gardata de la francaj esperantistoj, por kiuj lia forpaso estas doloriga bato.
Lia estiminda edzino kaj liaj aliaj gefamilianoj bonvolu trovi ĉitie esprimon de niaj plej sinceraj kondolencaj sentoj.

Léon BELHOSTE

GAZETOJ kaj FOLIOJ
=================

Foje - ne ĉiam - kiel en nacia-revuo, oni trovas ion novan kaj interesan en nia gazetaro. Se artikoloj temas pri historia, geografia aù arta vidpunkto, des pli bone!

Ekzemple, NUNTEMPA BULGARIO (déc. 1961) raportas, kun mirinda kolorfoto, pri malkovro de riĉega ormonera trezoro el la tempo de la bizancaj imperiestroj (ĉ. 1100)

Estus dezirinde, ke tiaj trezoroj falus en la kason de nia simpatia-kasisto Jack Rousseau.

Ni ĝoje ekscias per HEROLDO, ke la multvoluma biblioteko de la iama Germana Esperanto Instituto en LEIPZIG estis retrovita kaj nun estas jam transportita en la Germanan ŝtatan Bibliotekon en Berlin (Unter den Linden 8 - D.D.R.). Tio estas grava informo.

THE BRITISH ESPERANTIST prave daùrigas la diskonigon de leteroj de D-ro Zamenhof ne jam publigitaj.

Ĉie, kie ankoraù dormas tiaj skribaĵoj de nia Majstro, oni agu sammaniere, kiel eble plej frue. (Mi pensas ĉefe pri la Sveda Esperanto Societo).

En kulturaj KAJEROJ (déc.1961) de Grésillon, ni trovas tre interesajn artikolojn pri MARSEILLE - MARIGNANE (F. Garrigue) kaj plezure legas intervjuon kun Roger BERNARD, tradukinto de TOPAZE.

Literaturamantoj trovos abundajn prozojn kaj poemojn en BELARTO aldono al la revuo ESPERANTO de U.E.A.

Komparojn oni povas kelkafoje fari inter bildoj: en la itala L'ESPERANTO (okt.1961) ni admiras la faman kaj grandiozan pontegon supermaran, apud EDINBURGO, kun ĝiaj superarkaĵoj, kiuj rezistas laù tirfortoj kaj la subarkaĵoj, kiuj rezistas, laù fleksfortoj. Preskaù similsisteman ponton, kompreneble multe-pli malgrandan, mi konas en Parizo.

Naturajn pejzaĝojn oni eventuale povus kompari. La kurioza ponto - natura ponto - super la rivero ARC, en VALLON-PONT-d'ARC (ardèche) kie kampadejo honore al D-ro Zamenhof estis organizita kaj diskonigita pere de tre arta impresa faldfolio, memorigis al mi pri en Bulgario iel simila pejzaĝo, kies foton mi vidis ankaù en NUNTEMPA BULGARIO. Ĉu ekzistas tiaj naturaj pontoj aliloke en la mondo?

Mi mem intencas internacie enketi per esperanto pri kelkaj arkitekturaj strangaĵoj por scii, ĉu ekzistas similaj ekster nia lando (ekz. pri strato <u>sub</u> preĝejo kiel en TRIEL aù NOGENT LE RETROU).

S-ro W. de SMETS (Graaf van Egmontstraat 16, Antverpeno, Belgujo), sciigas per cirkulero, ke 120 personoj respondis al lia internacia enketo pri la migrado de la kukolo.

Tiu enketo estas daùrigata. Samideanoj! Komence de venonta majo, ne forgesu atente aùskulti la unuan mokan krion de la virkukolo (Kuku, ku-ku) kaj sendu viajn konstatojn al S-ro de SMETS. Tio povos grave atentigi pri nia lingvo fakajn mediojn. Ornitologia r o n d o esperantista estas de S-ro de SMETS nun fondata. Kiu ne amas la birdojn?

<u>Roland JOSSINET</u>

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

(suite de la page 39)
prodigués de tous côtés, l' Association des P. & T. commence à promouvoir dans les milieux des Postes et Télécommunications, aussi bien en France qu'à l'Etranger, un vaste mouvement en faveur de la langue internationale.




47 -a
UNIVERSALA
KONGRESO DE
ESPERANTO

Kopenhago
4-11 Aùg.1962

El la 3a kaj 4a Oficialaj Komunikoj:

Ekskursoj:
La L.K.K. decidis ke la tuta tago ĵaùdo, la 9-a de aùgusto, estu dediĉita al kvar samtempaj tuttagaj ekskursoj, kiuj celos al:

NORDA SELANDO - MEZA SELANDO - ATOMESPLORA CENTRO - ODENSE, la urbo de ANDERSEN.

L.K.K. decidis ankaù pri ĉiutaga ekskurso tra "ĉarma Kopenhago".

Antaù kaj Post-kongresaj aranĝoj:
Antaù la kongreso okazos en Frederikshavn la 18-a Internacia Junulara Kongreso, kaj en Helsingør, Feria Semajno.
Post la kongreso okazos Prelegsemajno en Frostavallen kaj al FAABORG celas la postkongresa ekskurso.

Oratora Konkurso
Scienca Konferenco
La Estraro de U.E.A. decidis pri la jenaj temoj:
1-Morala respondeco de sciencistoj;
2-ĉu internaciismo progresas aù malprogresas?
3-La influo de la junularo en la mondaferoj;
4-Etikaj valoroj el vidpunkto de la nuntempa junularo;
5-Kial sporto?

Statistiko:
ĝis la fino de decembro 1961 aliĝis 730 personoj el 31 landoj.

G.G. POMPILIO
K.K.S.

EUROPA URBO
==================

LEZOUX (prononcu lözu) urbo el la centro de Franclando estas urbo malfermita al la Eùropa Unio.

Tie oni montras sian eùropan spiriton, kiu manifestiĝas en multaj fakoj.

La flago de la Konsilantaro de la Komunumoj de Eùropo flirtas ĉiujn dimanĉojn sur la urba parko kie florumiĝas centoj da tulipoj.

Tiu parko, kiu estis docanita al la urbo LOPIK (Nederlando) estas la nura nederlanda enaĵo en la franca provinco Auvergne (prononcu overnj), sed kompreneble, neniu dogano ekzistas inter la Nederlanda Parko kaj la restaĵo de Francujo.

Depost 1956, la urbo Lezoux estas ĝemeligita kun la nederlanda urbo LOPIK kaj freŝdate kun la itala urbo SERSINA.

Ĉiujn jarojn, infanoj de LEZOUX pasigas ilian lernejlibertempon en nederlandaj aù italaj familioj, kiuj iliavice, sendas iliajn geinfanojn en Francujon, por konigi al ili la belecon de la provinco Auvergne.

Ni notu krome ke la urbestro de tiu urbo estas S-ro Raymond JOYON, samtempe deputito. Ni esperu ke tre baldaù ni ekscios ke tiu urbo uzas Esperanton kiel interrilatan lingvon.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

NEKROLOGO
=========

La esperanto - grupo de Limoges informas ke Léon BERLAND, urba konsilanto, pioniro de Esperanto en Limoges, forpasis la 20-an de decembro 1961. Li estis ankaù unu el la fondintoj de la Grupoen 1905.

# KRONIKO

## ĈU ESPERANTO BEZONATA POR ORIENTIĜO EN LA PARIZA "METRO"

Tute ne, por tio Esperanto ne estas bezonata. S-ro Roland Jossinet (R.F.E. N°203 dec. 1961) (Kial li ne estis esperantisto?") pardonos sed ni eksterlandanoj estas pli kompeten taj prijuĝi la perfektecon aŭ mankojn de la pariza subtera trajno ol Parizanoj, kiuj ek de naskiĝo alkutimiĝis al METRO opiniante ke alia ĝi ne povus esti. Ĝi povus esti alia sed bone, bonege, ke ĝi estas ĝuste, tia, kia ĝi estas: la plej perfekt urba trafikilo kaj la ideala orientiĝilo en tiel granda urbo kia Parizo. Tion spertis mi kaj milionoj da aliaj fremduloj vizitintaj Parizon. Jes, METRO estas malnova, ĝi estas nek luksa, nek eleganta, sed ĝi estas perfekte organizita, kaj tio la plej gravas, se temas pri trafikiloj. Ankaŭ la Londona estas malnova komforta sed ne luksa, ankaŭ ĝi solvas la pasaĝeran trafikon en la grandega urbo, sed en la londona "Underground" la fremdulo ne facile trovos la ĝustan trajnon sen demandoj, sen atenta studado de la plano kaj eĉ vigla streĉo de la cerbo, okuloj kaj oreloj. Ĉar kelkaj trajnoj diversdirektaj venas fulmorapide sur la saman kajon. Oni devas kompreni kaj la lumsignalojn kaj la vortojn "north-lines" kaj "south-lines" kiuj ne estas presitaj sur la planoj.

En Parizo nur samdirektaj trajnoj venas sur sia kajo. Oni bezonas nenion demandi kaj posedi nur la vidpovon kaj legoscion por sekvi surskribojn kaj sagojn kaj komprenkapablon ĝis la grado povi direktigi la paŝojn kien la sagoj montras. Por orienti sin en la pariza METRO oni ne devas scii france, oni entute ne devas posedi la parolkapablon, ankaŭ mutulo, povanta vidi kaj legi, ne eraros elekti la ĝustan kajon. Kaj kiam oni jam atingas la kajon, la trajnon oni ne povas miselekti, ĉar nur la dezirata venos. Neniu alia.

Ne, pro la pariza METRO, Esperanto ne estas bezonata. Ĝi estas bezona por amikiĝi kun francoj, alie ne tro amikiĝemaj kun fremduloj por ekkoni la francan spiriton sur la franca grundo kaj de francaj homoj esperantistoj.

Por tio, Esperanto estas bezonata en Francujo same kiel ĉie en la mondo.

Emilija LAPENNA
(Jugoslavio)

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## NASKIĜOJ

Nia samideanino Marguerite SAUTREUIL skribis al ni:
"Ankoraŭ foje mi iĝis avino. La 4-an de januaro 1962 naskiĝis PASKALA SAUTREUIL".

S-ro D-ro Pierre BERLOT en Mont-Saint-Aignan (tradukinto de la baldaŭ aperonta libro TIO, KION MI KREDAS de Jean Rostand) sciigis al ni la naskiĝon de IVAN ALEXANDRE, la 22-an de novembre 1961.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## LETERVESPERO

Multnombra Esperanto rondeto aranĝos je la fino de marto 1962 letervesperon. Vi havos eblecon akiri novajn gekorespondantojn de diversaj profesioj kaj aĝoj. Ni certe respondos al ĉiuj. Skribu amase leterojn aŭ poŝtkartojn al:

S-ro Aloys LYSY, Prazskà 41,
JIHLAVA (Ĉeĥoslovakio)

## TRILANDAJ KONTAKTOJ de la L. K. K.

"Unueco estas forto", tion diras, la proverbo kaj Norda Federacio, pri ĝi memorante, akceptis antaù kelkaj monatoj, la inviton de sia angla apuda fratina S.O.E.F. (Sud-Orienta-Esperanto-Federacio) pristudi la eblecon interrilati kaj renkontiĝi kune kun la Belga Esperanto Federacio.

La ĉefaj celoj estas: revigliĝo de la movado en la koncernaj regionoj, pli forta sinteno antaù la oficialaj instancoj, kaj se eble, kreado de "Markola Federacio". Tiu ĉi, funkcianta same facile kiel enlanda federacio, pruvus al la neesperantistoj la nerefuteblan taùgecon de nia lingvo, eblihante ĉiuspecajn interrilatojn, interŝanĝojn kaj kultur renkontiĝojn, je la profito de ĉiuj "trilandanoj".

La subskribinto, delegita de la Norda Federacio ĉeestis do la 4-an de Junio 1961, anglan federacion renkontiĝon en DOVRO, en kiu, krom la deziroj esprimitaj labori kune ĝis fina sukceso estis proponita okazigi preparkunvenojn ankaù en Belgujo kaj Francujo.

Same okazis do la sekvanta kunsido en OSTENDO, la 24-an de aùgusto kun plena sukceso; niaj belgaj samideanoj aplaùdis la projekton kaj promesis partoprenon. Ĉefa decido estis: "okazigi la Unuan "Markolan Kongreson" almenaù se ekzistos ebleco, en la urbo de la unua mondkongreso, BULONJO-ĈE-MARO.

Por planigi tiun projekton, 3-a renkontiĝo okazis en BULONJO mem, la 10-an de septembro. Partoprenis krom la angloj kaj federaciaj respondeculoj, sufiĉe da lokaj agemaj kunlaborantoj por preni sur sin la respondecon de la ĝenerala organizado. Sino HANICOT, prezidantino de la loka grupo fariĝis do, de nun, prezidantino

Du datoj estas proponitaj, sed, ŝajnas ke ĝi pli favore okazos la I2/I3ajn de Majo venonta. En la programo: ekskursoj kaj labor -kunsidoj kulturaj vesperoj kun partopreno de grupoj el la tri landoj.

Tiu Unua Markola Kongreso devas esti kaj ja estos decida paŝo sur la vojo al plena kaj ĉiufaka kunlaborado trilanda.

Interesatoj sin turnu al la federacia respondeculo:

Jacques DOYELLE
9 rue de Dunkerque
BOURBOURG (Nord)

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## BARCELONE

LA FOIRE OFFICIELLE INTERNATIONALE D'ECHANTILLONS continue d' utiliser l'Espéranto pour sa propagande.

Pour 1962, l' affiche officielle de cette importante manifestation (pour la 3-ème fois) est aussi éditée en langue internationale.

Il s'agit d' une affiche moderne et haute en couleurs qui, tout en servant la propagande pour la Foire doit apparaître aux sceptiques comme une preuve de la diffusion de l'Espéranto.

Pour se la procurer, s' adresser à la 30-ème FOIRE Internationale d' Echantillons, Service de la Propagande, Paseo de Maria Cristina, s/n à BARCELONE (Espagne).

(Si possible utiliser du papier commercial, touristique ou industriel, en indiquant le lieu où la dite affiche sera présentée).

-o-

# RECENZOJ

UNUA VOJAĜO de GULIVERO al LILIPUTO:
==================================
de Jonathan SWIFT.

La unua Vojaĝo de Gulivero, vojaĝo en Liliputlandon jam estis esperante tradukita dufoje. Ĉi tiu nova traduko estas fidela kaj necenzurita tial multe da legantoj kiuj konas la originalan satiron de SWIFT nur pere de porinfanaj eldonoj, estos surprizitaj de iuj nekonataj detaloj de tiu verko.

SWIFT celis en tiu majstra verko, moki la morojn kaj kutimojn de Anglujo. La liliputlandanoj estas 15-centimetrojn altaj, iliaj politikaj kaj religiaj ideoj estas laŭ la sama skalo. Estas la partio de tiuj, kies ŝuoj havas altajn kalkanumojn kaj la partio de "malaltkalkanumuloj". La du rivalaj partioj malkonkordas ankaŭ pri la ĝusta metodo malfermi man ĝotan ovon, ĉu je la maldika fino, ĉu je la alia?

Tiaj temoj de malpacoj de tiuj hometoj ŝajnas ridindaj al ni, sed ĉu la niaj ofte ne aspektus same al "superhomoj"?

Ni danku sinjorinon Ethel TRENT pro ŝia bonstila traduko de tiu mond fama verko.

F. LEGREE
=========

LA FERMO KAJ SEKIGO DE LA SUDA MARO
==================================
eldonita de Internacia Cseh Instituto - Riouwstraat 172 - HAGO -

Tiu ĉi Suda Maro estis tiu vasta etendaĵo da akvo kiun la Holandanoj nomis "Zuidersee".

Se vi deziras scii kial, kiam kaj kiel tiu maro fariĝis sala lago poste marĉa poldero kaj nun frukto - dona kampero, legu tiun broŝuron.

Ĝiaj multaj fotografaĵoj montras sinksekvajn stadiojn de tiu venko - kontraŭ la maro.

F. LEGREE
=========

WILLIAM PENN (1644 - 1718)
========================
broŝureto 16 - paĝa, belpapera kaj verkita de Edmond Privat en tre Zamenhofa Esperanto priskribas la admirindan vivon de tiu kvakero, kiun oni prave konsideras kiel "Proponinton de "Eŭropa Parlamento" kaj kies nomon oni uzis por nomi la landon, kiun li kvazaŭ kreis "Pensilvanio".

Havebla ĉe Kvakera - Esperanto-Societo, Bath Road, Ventnor I.W. (Anglujo).

TRA TUTA DANLANDO
=================
malgranda kvar-paĝa prospekto, eldonita de la Danaj ŝtatfervojoj, montranta kun landkarteto, la avantaĝojn konsentitajn al turistoj de la ŝtatfervoja administracio: malmulte kostaj biletoj, kiuj ebligas vojaĝadon dum 8, 15 tagoj aŭ unu monato per la danaj trajnoj. Ilin oni povas ricevi de la Danaj ŝtatfervojoj aŭ de privataj vojaĝoficejoj en Danlando aŭ en eksterlando.

BANEJO BUDAPEŜTO
===============
Per 16-paĝa broŝureto (kun kelkaj fotoj), ni ekscias ke Budapeŝto povas prave sin nomi la plej granda banurbo en la mondo. En tiu ĉefurbo ja, ŝprucas 117 term-fontojn, kies taga produkto estas 70 milionoj da

litroj je temperaturo 30 - 78°C. Laŭ la ecoj de tiuj diversaj fontoj oni povas per ili kuraci malsanulojn pri stomako, intestoj, spirorganoj podagro, reŭmatismoj, elĉerpiĝo, ktp..

Sin turni por ricevi esperantan tekston al Centra Komitato de la Termalbanejoj kaj Resanigejoj de BUDAPEŜTO, Molotov-Placo 3.

## SUDTIROLO EN LA JARO 1960

Nia bona kaj de ĉiuj konata samideano Hugo STEINER eldonigis mem 63-paĝan broŝureton - bele presitan - en kiu li pledas por Sudtirolo.

Li unue en sia antaŭparolo sin turnas "al la amikoj por justeco kaj homrajtoj en la mondo". Poste, tre rapide, li skizas historion de tiu regiono. Kaj tiam prezentas kompiladon de tre multaj kaj tre bone tradukitaj eltiraĵoj de tekstoj pri la transdono en 1919 de tiu sudtirolo el Aŭstrujo al Italujo.

Inter ili ni trovas opiniojn de diversaj ŝtatestroj, ministroj, eminentaj politikistoj; historion de la evolucio de la demando ekde 1915 ĝis 1960 en la koncernaj landoj; la interkonsentojn, manifestaciojn, raportojn antaŭ parlamentoj, ktp...

Ĉe la lasta paĝo tradukon el germana-alesperantan de tirola himno, kiu gloras Andreon HOFER, naskiĝintan en Sudtirolo. Tiu ĉi gastejestro estas konsiderata kiel aŭstra heroo, pro lia batalo kontraŭ la Francoj dum Napoleona Regado.

Sin turni al S-ro Hugo STEINER, Internacia Esperanto Muzeo, WIEN I - Hofburg - Aŭstrujo.

- o - o - o - o -

## CONFERENCES

A la demande de l'Association-Espérantiste des P. & T. de France, M. THIERRY a prononcé au Ministère des Postes et Télé-communications, les 22 et 29 Novembre dernier deux conférences d'information sur les thèmes suivants:

- situation de la langue internationale dans le monde moderne

- structure évolutive de la langue internationale.

Des cartes d'invitation avaient été diffusées dans tous les services du Ministère et l' assistance était nombreuse.

Les deux exposés de M. THIERRY, objectifs et documentés, ont suscité un très vif intérêt. Le conférencier a ensuite répondu aux questions très diverses qui lui ont été posées.

A l' issue de ces conférences, plusieurs personnes ont exprimé le désir d'apprendre l'Espéranto.
C'est pourquoi l'Association a ensuite organisé un cours de langue internationale réservé aux fonctionnaires des P. & T.

Rappelons qu'en Juin 1961, l'Association Espérantiste des P. & T. a post-synchronisé en espéranto un film "P.T.T.MAGAZINE" tourné pour le Service des Relations Extérieures du Ministère. Ce film a déjà été projeté successivement à Epernay, Vienne (Isère) Stockholm (Suède), Heidelberg (Allemagne). Il l'a été depuis aux U.S.A. Une autre opération de post - synchronisation est prévue prochainement.

Grâce aux concours qui lui sont

(suite en page 34)

## ASSEMBLEE GENERALE EXTRAORDINAIRE

Cette assemblée s'est tenue à LYON les 17 et 18 février dernier.- Sous la présidence de Mr R. LLECH - WALTER, Messieurs RIBOT et PETIT ont présenté leurs points de vue.

Plusieurs membres ont participé au débat.

Le vote pour le renouvellement du Conseil d' Administration a eu lieu le dimanche 18 février.

211 voix s'étaient exprimées soit par lettre, soit par pouvoir nominatif, soit par présence à l'assemblée elle-même.

7 bulletins de vote ont été déclarés nuls; les suffrages exprimés s'lèvent donc à 204.

Le dépouillement de ces bulletins a donné les résultats suivants:

| | | |
|---|---|---|
| MM. ROUGETET | 203 | voix |
| THIERRY | 203 | " |
| ROUSSEAU | 202 | " |
| CHAGNOUX | 201 | " |
| ASQUIERI | 200 | " |
| LLECH WALTER | 200 | " |
| BELHOSTE | 197 | " |
| GOUGET | 197 | " |
| MANCEAU | 187 | " |
| MOTTO | 187 | " |
| WARINGHIEN | 186 | " |
| ALBAULT | 173 | x |
| MARLY | 171 | " |
| GUILLAUME | 170 | " |

(suite voir ci-contre)

| | | |
|---|---|---|
| MM. CILIGA | 164 | voix |
| RIBOT | 131 | " |
| PETIT | 114 | " |

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## IFEF KONGRESO 1962

La Kongreso de la Internacia Federacio de la Esperantistaj Fervojistoj okazos en Budapeŝto de la 5-a ĝis la 11-a de Majo 1962. Krom la diversaj fakprelegoj kaj laborkunsidoj ni notu viziton al la Junulara Fervojo, ŝippromenadon sur Danubo, flugadon super la ĉefurbo, tuttagan ekskurson al Norda Hungarujo kaj alian al Balatonlago

Dum 1963, la Kongreso okazos en STOKE-on-TRENT (Britujo).

INFORMOJ: Franca Fervojista Esperantista Asocio, 11 rue de Milan en PARIS (9)

Limdato por aliĝo: 15.3.1962

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## RAPORTO PRI LA KONTOJ DE U.E.F.

Periodo de Oktobro 1960-a ĝis septembro 1961-a:

Ni ekzamenis la kontojn kaj librojn, kaj konstatis ke la librotenado estas zorge farita. Pri la plej gravaj kaj kompleksaj kontoj, ni ricevis kontentigajn respondojn al niaj demandoj.

Konsekvence, ni aprobas la bilancon je la 30-a de septembro 1961.

En Parizo, la 29an de Januaro 1962

(subrskribita: H.DABEZIES P. ROYER)

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Le Gérant: Jean GUILLAUME

L'imprimeur: Ets Ch. MORIN
188 rue du faubourg St-Denis PARIS 10

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx